# Esperanto-Verein Hamburg e.V.
# Hamburga Esperanto-Societo r.A.

**Informilo** n-ro 1/85

ES-klubejo: Klaus-Groth-Str. 95, 2000 Hamburg 26 (ĉe U 3-stacio "Burgstr.", Tel. 250 30 65

nformilo-redaktado: Benno Klehr, *Oelkersallee 31*, 2000 Hamburg 50, Tel.: *43 51 97*

ES-prezidanto: Heinrich Wielgus, Elise-Averdieck-Str. 34, 2000 Hamburg 26, Tel. 25 29 36

onto de HES: Postscheckkonto Hamburg 173 22-207

---

RISTNASKO ne jam pasis kaj jam
roksimiĝas PASKO!




ermana Esperanto-Asocio invitas vin al paska renkontiĝo

1-a

PSI

r la tuta familio

5a - 12a de APRILO 1985

Familien-Ferienheim "Teutoburg"

Bielefeld

legu sur paĝo 6!

## N I A  P R O G R A M O

Decembro 1984

20-a: Sen speciala programo

27-a: Sen speciala programo (pro festotagoj)

31-a: <u>L U N D O</u> Jarfina Festo $20^{00}$ h

Januaro 1985

3-a: "Ni nombras niajn donacojn"
Kristnaska postrikolto, babilanta rondo.

10-a: Raporto pri la Internacia Seminario de GEJ (27-12-84 - 3-1-85)

17-a: Hella Lanka prezentas filmon pri la kongresurbo 1985: Augsburg.

24-a: Elsbeth Wielgus gvidas ludojn.

V I  B A L D A Ŭ  R I C E V O S la Informilon 2/85

... kaj ne forgesu vian K O T I Z O N !

Klubvesperoj ĉiun ĵaŭdon:
Klubejo malfermita $19^{00}$ h (vespermanĝo)
Programo ek de la 20-a horo.
Inter la 20-a kaj 21-a ni petas NE fumi.

---

GAZETARA FOTOSERVO

petis de HES materialon pri Esperanto "pro proksima okazaĵo" (verŝajne temas pri la kongreso en Augsburg).



Kompreneble ni disponigis al ili fotojn kaj faksimilojn el nia biblioteko.

## La jaro 1984...

La "Orwell-jaro" nun finiĝas, kaj mi volas uzi tiun eventon por danki al tiuj, kiuj kontribuis al nia programo resp. al nia "Informilo". Montriĝis, ke pligrandiĝis la intereso pri la Informilo, ne nur en la hamburga grupo, sed ankaŭ "eksterlande"; kelkaj eĉ pretas pagi por ĝi, kvankam ni kutime dissendas ĝin senkoste. (Tamen ni ĝojas pri donacoj! Dankon s-ro W.H. el S.!)
Kvankam 1984 estis la "Orwell-jaro", HES ankoraŭ ne disponas pri komputilo – kontraste al aliaj organizaĵoj...
Pro tio ni petas ioman paciencon, se foje io ne funkcias perfekte.
Por la venonta jaro mi esperas, ke eblos eldoni interesajn informilojn, kio komprene-eble dependos de la programproponoj, kiujn ankaŭ NE-hamburganoj povas sendi al mi.
HES ne povas pagi al prelegantoj, sed almenaŭ gastigi senkoste en la propra domo.
Nome de HES mi deziras al ĉiuj amikoj
F E L I Ĉ A N  N O V A N  J A R O N  1 9 8 5 !

Benno Klehr

---

**K E G L A D O :**

**ĉiun kvaran vendredon en gastejo "Wappenhof" Borgfelder Str. 14, 2000 Hamburg 26, 20⁰⁰ h (atingebla per U / S – stacio Berliner Tor)**

La venontaj datoj: 28.12.; 25.1.; 22.2.

**N o v a j  n a j b a r o j**
Sur najbara grundo de la klubejo estis konstruitaj kelkaj vendejoj; i.a. "Aldi"-bazaro. Nun pasas multaj homoj nian montrofenestron en nia ĝis nun trankvila strato, kaj multaj eĉ enrigardas. Ĝin nun ornamas kristnaska bukedo kun elektra kandelo, kiun kunportis Hella Lanka. Kiu ŝatas post kristnasko foje aktualigi nian montrofenestron?

---

Z A M E N H O F F E S T O
La manĝo estis laúdita (kuiris Elsbeth Wielgu
la etoso estis gaja ĝis longe postnoktmezo. Krom la donacoj el "Julklapo" ankaú venis mondonacoj por la klubo. La kasisto dankas. Nur la kantado ne volis sukcesi tiom bonemankis grava voĉo: Vesna Stanićić-Burchards estis malsana. La festparolado (de Benno Klehr ) informis la novajn membrojn kaj iom ankaú la malnovajn pri la historio de Esperanto.

---

R e z u l t o j de la 8-a de Novembro '84
H E S kaj **G E A** interkonsentis:
Ambaú deziras senproblemajn interrilatojn.
HES fariĝas loka grupo laú la nova statuto de GEA kiel "suborganizo".
HES sendos la kotizojn pli frue al **GEA** ol en antaúaj jaroj.

---

Vian K O T I Z O N por 1985 bonvolu baldaú
sendi al: Esperanto-Verein Hamburg
PSchA Hamburg
Kto.-Nr. 173 22 - 207

D A N K O N !

Jen la kotizoj por la jaro 1985 :
( sume por GEA kaj HES)

| | | GM |
|---|---|---|
| I | JUNULOJ ( ĝis 25-j. inkl.) | 45,- |
| II | Familianoj / senenspezuloj | 55,- |
| III | MEMBROJ kun enspezoj (pli ol 25-jaraj) | 75,- |
| IV | GEA - SUBTENANTOJ (ne devas pagi kotizon en GEA-kongresoj) minimume | 115,- |

FINFINE, post kvarona jarcento, aŭ eĉ pli, ni havas kotiz-sistemon, kiu ne postulas la momente politike aktualajn "vitrajn poŝojn". Almenaŭ al la kunlaborantoj de HES ĉiam estis malagrable, demandi novajn membrojn, kiom ili enspezas.

---

ĈU iu membro de HES ankoraŭ posedas malnovan urbomapon de Hamburg el la tempo antaŭ la milito?
Mi ŝatus pruntepreni ĝin por prepari ĵaŭdan prelegeton pri la hamburgiaj urboj.

Benno Klehr

---

Bonvolu sendi viajn programproponojn kaj kontribuaĵojn por la Informilo 2/85 ĝis la 10-a de Januaro 1985! dankon.

PRINTEMPA SEMAJNO INTERNACI



Internationale Frühlings-Woche

auch für Anfänger geeignet!

**Germana Esperanto-Asocio** *ofertas al vi agrablan semajnon por la tuta familio en internacia etoso:*

**1-a PSI**

*novstila aranĝo, kiu okazos unuafoje dum unu semajno ĉirkaŭ pasko 1985 kaj - se ĝi plaĉos al vi - fariĝu tradicia.*

Pli detalajn informojn vi trovos en la venonta Informilo!

---

# 28 a INTERNACIA SEMINARIO

*de Germana Esperanto-Junularo*

*traktos la temon Japanio.*

27-a de decembro 1984 ĝis

3-a de januaro 1985 en Wetzlar



*La temo Japanio estos traktata en laborgrupoj, kursoj, forumoj kaj prelegoj laŭ plej diversaj aspektoj: lando, kulturo, socio, historio, religioj, ekonomio, arto, literaturo, ĉiutaga vivo, lingvo, ...*

*Celgrupo*

*Ne nur junuloj sed ankaŭ mezaĝuloj (kun aŭ sen familio) estas bonvenaj. Pri la junuloj respondecas GEJ, pri mezaĝuloj kaj infanoj GEA. Infanoj estos bone zorgataj: por ili okazos aparta programo. - La IS celas unuavice lingve progresintajn Esperanto-parolantojn, kiuj kapablas sekvi la prelegojn kaj aktive partopreni la programon.*

**Junuloj en aĝo inter 14 kaj 25 jaroj ricevas vojaĝsubvencion de GEJ.**

# *70a Universala Kongreso de Esperanto*

| **KONGRESKOTIZOJ VALIDAJ ĜIS:** (ĉiuj en nederlandaj guldenoj) | **84 12 31** (1-a periodo) | **85 05 14** (2a periodo | **post 85 05 14** (3a periodo) |
|---|---|---|---|
| KATEGORIOJ (vidu difinoj sube): | | | |
| 1. Kongresano NE individua membro de UEA | 156 | 188 | 219 |
| 2. Individua membro de UEA | 125 | 156 | 188 |
| 3. Kunulo/junulo/handikapulo, kiu NE estas individua membro de UEA | 94 | 125 | 156 |
| 4. Kunulo/junulo/handikapulo, kiu estas individua membro de UEA | 62 | 94 | 125 |

**Difinoj**

**"Individua membro de UEA" estas tiu, kiu estas Dumviva Membro (DM), Membro kun Jarlibro (MJ) aŭ Membro-Abonanto (MA) kiam li/ŝi pagas la aliĝkotizon.**

**"Kunulo" estas tiu, kiu loĝas samadrese kun aliĝinto. (Oni enskribu tiun aliflanke).**

**"Junulo" estas tiu, kiu je 85 01 01 estas malpli ol 26-jaraĝa. (Oni enskribu sian naskiĝdaton aliflanke).**

**"Handikapulo" estas tiu, kiu povas pruvi sian handikapecon per kuracista atesto. (Oni kunsendu la ateston kun la aliĝilo).**

**Senpagan aliĝon** ricevas:

- infanoj ĝis inkluzive 13-jaraj, kiujn akompanas almenaŭ unu el la gepatroj aŭ alia plenaĝa kongresano rajtigita de la gepatroj
- akompanantoj de handikapuloj
- junuloj malpli ol 26-jaraj je 85 01 01, kiuj aliĝis al la 41-a IJK, Eringerfeld.

**La kotizo ne estos repagita,** senkonsidere ĉu la aliĝanto ne povas partopreni la Kongreson pro propra volo aŭ pro iu ajn ekstera kaŭzo, eĉ se la Kongreso ne okazas aŭ okazas en alia urbo.

**La kotizo ne inkluzivas** loĝadon, ekskursojn, bankedon kaj eventuale aliajn aparte pagendajn aferojn pri kiuj informoj kaj mendiloj aperos en la Dua Bulteno aperonta ĉirkaŭ februaro.

**Por la limdatoj** kaj aliaj kondiĉoj validas la dato de pago. Aliĝilon sen kompleta pago oni ne traktos.

**Kongresaneco ne estas transdonebla** al alia persono.

**Personoj kun transpagaj aŭ pasportaj problemoj** rajtas sendi la aliĝilon sen samtempa pago al Rotterdam. Oni ne konsideros ilin aliĝintaj sed ili havos la rajton aliĝi tuj post alveno en la kongresejo, pagante tie laŭ la tarifo de la unua periodo.

**Karavanaj aliĝoj:** ekzistas aparta Karavana Regularo, laŭ kiu grupoj de minimume 25 personoj rajtas aliĝi kontraŭ 90% de la kotizo en kategorio 2, eĉ se ili ne estas membroj de UEA. Petu plian informon ĉe la Konstanta Adreso.

**Kongresa Regularo:** sekvas du ekstraktoj el la Kongresa Regularo, kiuj estas aparte gravaj por unuopaj kongresanoj.

*"12. Al Universala Kongreso rajtas aliĝi ĉiu persono, kiu scias la Internacian Lingvon, kondiĉe ke li rekonu la Kongresan Regularon, submetiĝu al la leĝoj de la lando, kie okazas la Kongreso, kaj ke li faru nenion, kio povas malutili al la Kongreso."*

*"21. KKS devas atenti, ke neniu dokumento estu disdonata en la Kongreso sen antaŭa aprobo de la Estraro de UEA."*

Tiuj, kiuj subskribas ĉi tiun aliĝilon, konfirmas sian respekton por la Kongresa Regularo kaj la laŭstatuta neŭtraleco de UEA, kiu organizas kaj aŭspicias la Universalajn Kongresojn.

**BONVOLU NEPRE SENDI VIAN ALIĜILON KAJ KOTIZON AL LA SAMA INSTANCO**



# ALIĜILO
# AŬGSBURGO

**70a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO**
**3-10 aŭgusto 1985**
**Aŭgsburgo**
**FR Germanio**

| uea-kodo |
| --- |
| kongresnumero |
| dato de ricevo |

**Konstanta adreso:** Universala Kongreso de Esperanto, Nieuwe Binnenweg 176, NL-3015 BJ Rotterdam, Nederlando
**Adreso de LKK:** Seitzstr. 14, D-8900 Augsburg, FR Germanio
**Poŝtĉekkonto de la Kongreso:** n-ro 62 73 37 (nederlanda)
**Banko de la Kongreso:** AmRo Bank, Rotterdam, n-ro 42.69.01.444

*ĈIU ALIĜANTO UZU APARTAN ALIĜILON, FOTOKOPION AŬ SAMFORMATAN PAPERON – BONVOLU TAJPI AŬ SKRIBI PRESLITERE. LAŬBEZONE METU KRUCON EN LA KONCERNAJN KVADRATETOJN.*

**NOMO** ................................................ **UEA-KODO** ..........................
*(familia aŭ ĉefa por alfabeta ordigo)* *(se konata)*

**CETERA(J) NOMO(J)** ................................................

**KOMPLETA POŜTA ADRESO** *(nacilingve en latinaj literoj kun poŝtkodo ĝuste lokita)*

................................................

................................................ **LANDO** ..........................
*(en Esperanto)*

**NASKIĜDATO** *(junuloj/infanoj)* .......................... **VIRO/VIRINO** *(forstreku unu)*

**NOMO/UEA-KODO DE KUNULO aliĝinta aŭ samtempe aliĝanta** ..........................

**PROFESIO/FAKO** *(nedeviga informpeto)* ..........................

☐ Mi aliĝas al la Kongreso laŭ la kondiĉoj presitaj sur la dorsa flanko;
mi sendas ĉi tiun aliĝilon kaj samtempe pagas laŭ la ĉi-suba specifo al:
☐ mia landa peranto (por Germanoj: LKK)
☐ Rotterdam
per: ☐ poŝtmandato ☐ poŝta ĝiro ☐ banka ĝiro aŭ ĉeko, aldonante 6,50 gld
aŭ: ☐ Mi sendas ĉi tiun aliĝilon rekte al Rotterdam – bv. debeti mian UEA-konton
☐ Mi ne povas jam aliĝi pro pasportaj aŭ transpagaj problemoj. Mi promesas pagi tuj post alveno en la kongresejo.

**Mi legis, komprenas kaj akceptas la kondiĉojn sur ĉi tiu aliĝilo.**

**DATO** .......................... **SUBSKRIBO** ..........................

Por uzo de la administracio

*uea-membro pagita por jaro* ..........................

*konfirmo de peranto:* ..........................

*konfirmo de C.O.:* ..........................

*PAGO EN C.O.*

*KONFIRMILO*

*notoj*

KOTIZO (en kategorio........) ..........................

ADOPTA KASO ..........................

BLINDULA KASO ..........................

LITERATURA KASO ..........................

ADOPTAJ GEPATROJ ..........................

BANKKOSTOJ (6,50 gld) ..........................

ENTUTE

Se vi aliĝas senpage, bv skribi ĉi tie la motivon

..........................

Esperanto-Verein Hamburg e.V.
Hamburga Esperanto-Societo r.A.

# Informilo

n-ro 2/85

S-Vereinshaus: Klaus-Groth-Str. 95, 2000 Hamburg 26
—Bahn U3 - Bahnhof "Burgstraße") Tel: 250 30 65

Vorsitzender: Heinrich Wielgus, Elise-Averdieck-Str. 34
00 Hamburg 26, Tel.: 25 29 36
formilo-Redakteur: Benno Klehr, Oelkersallee 31,
00 Hamburg 50, Tel.: 43 51 97

S-Konto: Postscheckamt Hamburg Nr. 173 22 - 207




La J A R Ĉ E F K U N V E N O 1 9 8 5
de Hamburga Esperanto-Societo
okazos la 2 8 - an de Februaro !

Komenco: 20-a horo

( J A H R E S H A U P T V E R S A M M L U N G )

(paĝo/Seite 3)

## N I A   P R O G R A M O

Klubejo malfermita ekde 19-a horo,
Programo: 20-a horo

Januaro 1985:

24-a: Elsbeth Wielgus gvidas lingvajn ludojn.

31-a: Diskuto pri la fondiĝo de landa ligo en Hamburgio (suborganizo de G E A)

Februaro:

7-a: Kio grava okazis dum la pasinta monato?

14-a: KLUBEJO FERMITA pro sabata festo!

16-a: K O S T U M F E S T O  20 - a  h o r o.

21-a: Prelego de d-ro Werner Bormann

28-a: J A R Ĉ E F K U N V E N O  1985

Marto:

7-a: Ges-roj Sudec montras lumbildojn.

14-a: Thomas Bormann kun lumbildoj: Kanu-aventuro en norda Kanado kaj renkontiĝo kun e-istoj en Alasko.

21-a: Werner Bernhardt: Vojaĝo al Maúricio kaj Sejĉeloj.

28-a: Thomas Bormann kun kelkaj lumbildoj: La Respubliko Koreio - ne nur najbaro de Japanio.

Aprilo:

»Frohe Ostern«

3-a: La tradicia "O V O - K U N V E N O"

## INVITO/Einladung

al la jarĉefkunveno ŝaŭdon, la 28-an de februaro '85, je la 20-a horo en la klubejo, Klaus-Groth-Str. 95, Hamburg 26

---

**La tagordo**

1. jarraporto (H.Wielgus)
2. kasraporto (W. Bernhardt)
3. diskuto pri 1. kaj 2.
4. raporto de revizoroj
5. senŝarĝigo
6. raporto de la konsilantaro
7. buĝeto kaj la kotizoj
8. diskuto kaj decido pri la ĝustatempe enirintaj proponoj
9. diversaĵoj

Atentu: skribaj proponoj devas atingi la estraron ĝis la 15-a de februaro '85. Aliajn proponojn oni nur povas diskuti, se la kunveno akceptos ilin.

(Heinrich Wielgus) prezidanto

LADO:

kvaran vendredon en gastejo "Wappenhof"
felder Str. 14, 2000 Hamburg 26, 20⁰⁰ h
ngebla per U/S-stacio Berliner Tor)
enontaj datoj: 25. 1.; 22. 2.; 22. 3.

# 28a INTERNACIA SEMINARIO

27.12.84 ĝis 3.1.85 en Wetzlar.
La temo de la IS estis Japanio.
Okazis prelegoj pri lingvo, arto, danco, kuirarto, komerco, historio kaj multaj aliaj temoj..
Kompreneble ankaŭ okazis la kutimaj programeroj:
Interkona vespero, silvestra balo, novjara promeno, busa ekskurso, japana vespero, japana te-ceremonio, popoldancoj kaj ĉiunokta diskoteko.

日本

WETZLAR

La Internacian Seminarion ĉeestis 205 partoprenantoj el 18 landoj.

---

Unu semajnon antaŭ la U K 1985 en Augsburg:

41. IJK



## 41-A INTERNACIA JUNULARA KONGRESO
## SCHLOSS ERINGERFELD
## 22-29.7.1985 F.R. GERMANIO

Eringerfeld troviĝas apud la aŭtoŝoseo A 44 inter Soest kaj Paderborn (en Vestfalio).

La kotizoj estas inter 170 kaj 370 GM; (variaj laŭ aĝo kaj aliĝdato)

---

Bonvolu sendi viajn program-proponojn por la Informilo 3/85 ĝis la 10-a de marto!
dankon.




16. Februar 1985

20 Uhr

Wir laden ein zum K o s t ü m f e s t im Klub!

Auch wer (noch) kein Esperanto spricht,
oder kein Vereinsmitglied ist, darf gerne
daran teilnehmen!

...Aber bitte im Kostüm!

---

# GEA / HH

La 31-an de Januaro ni parolos en la klubejo pri la fondiĝo de "landa ligo" kiel suborganizo de GEA - resp. pri aliĝo de HES kiel "Hamburgia landa asocio" al GEA.

Alia ebleco estas komuna aliĝo de HES kaj la Laborrondo Esperanto (iam el anoj de la hamburgia administracio)





**Germana Esperanto-Asocio** ofertas al vi agrablan semajnon por la tuta familio en internacia etoso:

# Printempa Semajno Internacia

## ejo

La partoprenantoj loĝos, manĝos kaj programos komune en la Famili-feria Hejmo "Teutoburg" proksime de Bielefeld en agrabla, arbarriĉa regiono ĉe la norda rando de la Teutoburger Wald - do "nordmeze" en F.R.Germanio. La ejo estas moderna ferihejmo kun 2-, 3- kaj 4-litaj ĉambroj, ĝi aparte taŭgas por familioj kun infanoj. La ĉirkaŭa bela naturo invitas vin promeni kaj ripozi en la arbaro.

## programo

La programo diferencos de multaj kutimaj Esperanto-aranĝoj. Laŭ niaj planoj ĝi estu

- **feria:** ĝi rezignos pri ĉia kongreseca, labora kaj pseŭdo-labora karaktero.
- **familia:** venu kun via tuta familio. Por la infanoj okazos aparta infanzorga servo, kaj ankaŭ via eble ne-esperantista partnero estas bonvena kaj trovos ion en la programo.
- **kultura:** muziko, filmo, lumbildoj, video, teatro, libroservo, internaciaj paskaj kutimoj.
- **kaj ankaŭ iom lerniga:** arta manlaboro, lingvokurso, komputila kurso, ...

Programkontribuoj estas tre bonvenaj. Kontribuemuloj ofertu sin al **Ella Klünder, An der Landwehr** 13, D-4430 **Steinfurt, Tel. 02551-82640**

# kotizoj

| | | aliĝo antaŭ: | | |
|---|---|---|---|---|
| | DM | 01.01.1985 | 01.03.1985 | poste |
| aĝo je 5.4.85 | 0 – 4 jaroj | **60** | **80** | **100** |
| | 5 – 7 jaroj | **110** | **130** | **150** |
| | 8 – 14 jaroj | **140** | **160** | **180** |
| | 15 – 25 jaroj | **190** | **210** | **230** |
| | super 25 jaroj | **220** | **240** | **260** |

| | | |
|---|---|---|
| **Krompagoj:** | nealiĝintoj: | 10 DM |
| | germanaj ne-GEA/GEJ-membroj: | |
| | kun salajro: | 40 DM |
| | sen salajro: | 20 DM |
| **Rabatoj:** | familioj kun infano(j): | 40 DM |
| | eksterlandanoj loĝantaj en eksterl.: | 10 % |

---

# aliĝilo

**Mi aliĝas al la 1-a PSI**

**5a – 12a de Aprilo 1985**
**Bielefeld**

Familia nomo: ______________________________ nask.: _________________

Persona nomo: ______________________________ sekso: _________________

Adreso: ____________________________________________________________

____________________________________________________________

Lando: __________________________ Telefono: ________________________

Ne plenigu:

| membro/eksterl. | aliĝ. ric. | pago ric. | kotizo | antaúp. | resto |
|---|---|---|---|---|---|
| | | | | | |

# kondiĉoj

# 1-a PSI

La **kotizo** inkluzivas loĝadon, manĝadon kaj programon.

Via aliĝo ekvalidas nur kun **antaŭpago** de minimume **50 DM** (por ĉiu unuopa persono), ĝi estas parto de la kotizo.

Nur post ĝustatempa **malaliĝo** ĝis plej malfrue **5 marto 1985** ni repagos vian antaŭpagon minus 10 DM.

Por **partatempa ĉeesto** ni kalkulos la plej altan kotizon en la koncerna aĝgrupo dividite per 7 oble la nombron de ĉeestotagoj.

**Memzorgantoj**, kiuj nek loĝas nek manĝas en nia ejo sed partoprenas nur la programon, pagas **30 DM** da programkotizo.

La **nombro de partoprenantoj** estas limigita. Ni akceptas aliĝojn strikte laŭ aliĝdato kaj favoras plentempajn partoprenantojn.

**Aliĝoj:** **Franz Kruse, Mathildenstr. 73, D-2800 Bremen 1**
**Tel. 0421-71996**

**Pagoj:** **Poŝtĉekkonto 608 96-207 en Hamburg, je nomo Franz Kruse** (supra adreso), **kun indiko "1-a PSI"**

---

**ALIĜILO (dorsflanko)** **1-a PSI**

Mi antaŭpagis ________ DM al ______________________________________

Mi alvenos ____________________ kaj forveturos ____________________

Min akompanos jenaj familianoj (aparta aliĝilo por ĉiu!):

______________________________________________________________________

Mi deziras loĝi kune kun: ____________________________________________

Aliaj deziroj aŭ rimarkoj:

Dato: ____________________ Subskribo: ______________________________

HAMBURGA ESPERANTO-SOCIETO R.A.

ESPERANTO-VEREIN HAMBURG E.V.

Klaus-Groth-Str. 95
D-2000 Hamburg 26
Tel: 250 30 65

# HES-INFORMILO

3/85

ES-prezidanto: Benno Klehr, Oelkersallee 31, 2000 Hamburg 50, Tel.: 43 51 97
ES-konto: Poŝtĝiro Hamburg (BLZ 200 100 20) Kto-n-ro. 173 22 - 207



**ACHTUNG!**

Am **18. April 1985**

um **20.oo Uhr**

findet im Vereinshaus

des **Esperanto-Verein Hamburg**

ein **Informationsabend** statt!

An diesem Abend werden die

Termine für die neuen Kurse für

Anfänger und Fortgeschrittene

(wöchentlich oder intensiv)

gemeinsam festgelegt.

## NIA PROGRAMO

**Aprilo 1985:**

4-a: "Ovo-kunveno" (en Informilo 2/85 erare 3-a)

11-a: Karl-Heinz Hoffmann prezentas elsendaĵon de Svisa Radio.

18-a: **INFORMVESPERO** (bv. legi sur paĝo 4)

25-a: *1) Arbeitskreis fariĝis 4-jara.*
*2) Elekto de prezidanto de la Landa Ligo.*

**Majo 1985:**

2-a: E. Bormann: Eŭropa agado en kaj ekster Esperantujo.

9-a: Hans Schütt: Lumbildoj pri Moskvo kaj Leningrado (1985)

16-a: **"Ĉe-Ellen-ir-tago"** 15⁰⁰h ĉe Ellen Eggers, Minsbekkehre 4, Poppenbüttel.
Kafo kaj kuko en la ĝardeno; bv. mem kunporti kukon!
PROMENEMULOJ renkontiĝas je 14.30h ĉe S-stacio Wellingsbüttel.

23-a: Rüdiger Sachs: "Liberio, la plej aĝa respubliko en nigra Afriko"

30-a: Ges-roj Bormann montras lumbildojn pri Anglujo, Kimrujo kaj Skotlando.

**Junio 1985:**

6-a: Benno Klehr prezentas la malpli konatan Hamburgon. (iom da historio)

**Redakta fino por Informilo 4/85 : 20-a: de Majo 1985**

## JARĈEFKUNVENO 1985

Bedaŭrinde ĉeestis nur malmutaj membroj (24). Tion eble kaŭzis la fakto, ke ne estis balota kunveno. Tamen okazis ŝanĝo en la estraro: Heinrich Wielgus demisiis kiel prezidanto de HES.
Laŭ § 9.3 de la HES-statuto la estraro mem elektis la posteulon. Ek de la 28-a de februaro 1985 la prezidanto de HES estas Benno Klehr. H. Wielgus restas en la estraro kiel komisiito pri la kluba domo.

La financa stato de la klubo estas sufiĉe bona, por ke ni finfine povu renovigi la malsupran salonon.

Ĉi-jare HES planas du Informvesperojn kaj sekvante kursojn por komencantoj. (bv. legi sur paĝo 4) Krome okazas kursoj por progresintoj.

## ŜANĜO

Nia dua prezidanto, d-ro Vesna Staničić-Burchards havas novan telefon-numeron: **0 40 - 5 26 16 55**

## KLUBEJA SERVO

Dum **lundo, mardo** kaj **merkredo** de **17.30 - 20.00 h** la klubejo estas malfermita por ĉiuj, kiuj post la laboro ŝatas trinki kafon kai iomete babili. Se la klubeja servo trovos eĥon inter la membroj ĝi estos daŭrigata post la provo-tempo de tri monatoj.

Hamburga Esperanto-Societo deziras al ĉiuj membroj kai amikoj **ĝojan paskon.**

## ALVOKO DE LA ESTRARO

Ni volas renovigi la malsupran salonon de la klubejo. Por povi kiel eble plej bele aranĝi ĝin, ni danke akceptos mon-donacojn!
Poŝtĝiro Hamburg (BLZ 200 100 20) Kto. 173 22-207

## UNIVERSITATO

D-ro Rüdiger Sachs okazigos en la nova semestro 1985 denove bazan E-kurson. Petu informojn ĉe li.

## N O V A J   K U R S O J

La 18-an de Aprilo okazos **Informvespero** en la klubejo (kiel ĵaŭda programo).
Dum tiu vespero ni fiksos la datojn por la novaj kursoj.
**Bonvolu informi viajn amikojn**, kiuj interesiĝas pri la Internacia Lingvo pri tiu dato!

Ni petas la **m e m b r o j n** , ankaŭ ĉeesti tiun vesperon.

## L A N D A   L I G O   H A M B U R G O

Arbeitskreis kaj HES interkonsentis, kune fondi landan ligon de GEA. Per ĝi ni volas kunordigi la laboron por Esperanto en Hamburgo.
Ankaŭ aliaj grupoj en Hamburgo, kiuj laboras por Esperanto, estas invitataj kunlabori en la **L L** .
*Elekto de prezidanto de LL: 25-a de Aprilo.*

## E U R O P A - U N I O N Bezirksverband Bergedorf

starigos **INFORMSTANDON** en Sachsentor, la 4-an de Majo 1985.
Dum **E Ŭ R O P A T A G O** , la 5-an de Majo, 11⁰⁰ h okazos "Europa-Frühschoppen" en Bergedorfa gastejo "Keglertreff", Lohbrügger Landstr. 14, ĉeestos s-ro **Rolf Italiaander.**

## G E R M A N A   E S P E R A N T O - J U N U L A R O

eldonis novan varbfolion, kiu informas pri Esperanto kaj la ebleco, internacie uzi ĝin per helpo de la **PASPORTA SERVO** de TEJO.

## E I N L A D U N G

Wir möchten **besonders** auch die MITGLIEDER, die sonst nie in den Verein kommen, einladen, an unserem traditionellen **EIERESSEN** teilzunehmen; G r ü n d o n n e r s t a g , den 4. April 1985.

HAMBURGA ESPERANTO-SOCIETO R.A.

ESPERANTO-VEREIN HAMBURG E.V.

Klaus-Groth-Str. 95
D-2000 Hamburg 26
Tel.: 040-250 30 65

# HES-
# NFORMILO

n-ro 4/85

-prezidanto: Benno Klehr, Oelkersallee 31, 2000 Hamburg 50, tel.: 43 51 97
-konto: Poŝtĝiro Hamburg (BLZ 200 100 20) konto n-ro 173 22-207

---



## 1-a Esperanto-Futbal-Turniro

## Hamburg, 1985-05-19

---

IES-klubejo malfermita:

.unde ĝis merkrede 17.30 - 20.00 h

jaŭde ekde 18.00 h, programo ekde 20.00 h

Keglado ĉiun kvaran vendredon en gastejo "Wappenhof",

Borgfelder Str. 14, 2000 Hamburg 26, ekde 20.00 h.

Datojn demandu ĉe s-ino Wielgus, Tel.: 25 29 36.

## NIA PROGRAMO

Junio 1985

6-a: La malpli konata Hamburgo, prezentita de B. Klehr

13-a: Lumbildoj kun sono de ges-roj Sudec

20-a:
27-a } sen speciala programo (vidu malsupre)*

Julio 1985

4-a: Kunsido de Landa Ligo de Hamburgo

11-a:
18-a:
25-a: } sen speciala programo (vidu malsupre) *

Aŭgusto 1985

1-a: sen speciala programo *

8-a: Unuaj raportoj pri la kongresoj

15-a:
22-a:
29-a: } sen speciala programo *

* **Feria tempo NE** signifas, ke la klubejo estos fermita, aŭ ke nenio okazos. Dum la somera tempo kutime venas iuj gastoj al nia klubejo, kiuj tiam havas la eblecon prezenti ion, aŭ havi "babilantan rondon" kun ni.

*Ni deziras belajn feriojn!*

*via HES-estraro*

**J U N U L A R O ? !**

En antaŭaj jaroj ekzistis Junulara Sekcio de HES, kiu antaŭ kelkaj jaroj sendependiĝis kiel landa ligo de GEJ. Venis al Hamburg la oficejo de GEJ, t.n. HAPS kun la presejo. Nun la junulara laboro nur ampleksas presadon, dissendadon kaj aliajn administrajn laborojn; vera grupa aktiveco ne plu ekzistas.
Pro tio ni volas denove aktivi por junulara sekcio de HES. Por ekagi tiucele, ni volas **inviti** ĉiujn, kiuj interesiĝas pri junulara laboro, ankaŭ tiujn, kiuj estas pli ol 25-jaraj.

**U n u a k u n v e n o : 2 0 - a d e J u n i o 1 9 8 5**
(Estas ĵaŭdo, sed la junularo poste povos renkontiĝi iun alian tagon, se ni faros tion regule.)

**Ĉ e - E l l e n - i r - t a g o**

La ĉielirtago, nia tradicia "ĉe-Ellen-ir-tago" ĉi-jare okazis laŭ konata maniero en la domo kaj ĝardeno de Ellen Eggers en Poppenbüttel. Venis tien proksimume 30 gastoj por trinki kafon kaj sidi en la bela ĝardeno. La proponitan promenadon de la S-fervoja stacio de Wellingsbüttel al la domo de Ellen nur partoprenis tre malmultaj, kvankam la vetero estis tre bona.
Dankon al Ellen Eggers pro la ĉiujara granda laboro!

**R E N O V I G O de la k l u b e j o**

Ni nun daŭre havas plurajn kursojn, kaj do bezonas la tutan klubejon.
**Finfine necesas renovigi la malsupran salonon!**
Por ebligi tion, **ni ne nur bezonas** homojn por helpi, sed precipe financajn rimedojn.
La estraro **a l v o k a s** la membrojn, donaci por la renovigo resp. ekipado de la malsupra salono:

- aŭ kontante en la klubejo
- aŭ al poŝtĝirokonto 173 22-207
  ĉe Poŝtĝiro Hamburg (BLZ 200 100 20)

Bonvolu konsideri, ke ankaŭ malgranda sumo kun kun aliaj malgrandaj jam povas helpi.

**Dankon**

## 1-a Esperanto-Futbal-Turniro

Hamburgo, dimanĉon, la 19-an de majo 1985.

Ekde matene 9.30h ĝis posttagmeze 17.00h en Hamburg-Osdorf ludadis dek teamoj por atingi pokalon.

Adem Morankić, membro de HES kaj trejnanto de la studenta teamo "verda stelo" iniciatis tiun futbal-turniron. Kiel atendende de Esperanto-futbal-turniro, ĝi estis internacia: partoprenis jugoslavaj, turkaj kaj germanaj amatoroj. La unuan premion gajnis la teamo "verda stelo", kiu nur fondiĝis antaŭ mallonga tempo. La pokalon por "bona konduto" gajnis la "Fan-Club Bahrenfeld". Kompreneble la surskriboj sur la pokaloj estis en Esperanto, kaj jen la rilato al ni:
La transdono de la pokaloj okazis en la HES-klubejo, kaj per tio la ludantoj kaj ties amikoj konatiĝas kun la internacia lingvo. Do la futbal-turniro estas iel nova stilo de varbado. Certe ne ĉiuj lernos Esperanton, eble eĉ neniu el ili, sed almenaŭ estas homoj, kiuj scias pri Esperanto, kaj tio ankaŭ estas ŝtoneto en la mozaiko de nia laboro.
Kelkaj homoj dubas, ĉu tiu estas la ĝusta maniero por varbi, sed kial ne foje provi ion nekonvencian? Ni havas multajn homojn kun iaj ideoj, sed malmultajn, kiuj mem efektivigas ilin. Do prefere antaŭ ol prijuĝi, ni atendu rezultojn.
Gratulon kaj bondezirojn al Adem Morankić!

Benno Klehr

**KURSOJ** en la HES-klubejo

ĉiusemajne:
Kurso por **komencantoj** ĵaŭde 18.00-20.00h

semajnfine (kutime trisemajna intervalo):
**komencantoj** kaj **progresintoj**
sabate 14-17h, dimanĉe 10-16h
(datojn interkonsentas la kursanoj mem, bv. demandi)

bv. noti: en aŭtuno komenciĝos novaj kursoj!

HAMBURGA ESPERANTO-SOCIETO R.A.

ESPERANTO-VEREIN HAMBURG E.V.

Klaus-Groth-Str. 95
D-2000 Hamburg 26
Tel.: 040-250 30 65

# HES-INFORMILO

n-ro 5/85

HES-prezidanto: Benno Klehr, Oelkersallee 31, 2000 Hamburg 50, tel.: 435197
HES-konto: Poŝtĝiro Hamburg (BLZ 200 100 20) konto n-ro 173 22-207




HES-klubejo malfermita:

lunde ĝis merkrede 17.30 - 20.00 h

ĵaúde ekde 18.00 h, programo 20.00 h

## NIA PROGRAMO

Augusto 1985

1-a:
8-a: sen speciala programo

15-a: Unuaj raportoj pri la kongresoj

22-a: Raportoj pri someraj vojaĝoj

29-a: Nov-Hamburgano Duŝan Radolaŝki raportas pri siaj spertoj en FRG.

Septembro

5-a: Diskuto pri la Germana Esperanto-Kongreso 1986 en Hamburg, kunsido LL

sabato 7-a: Adiaŭa vespero de ges-roj Sudec

12-a: Svisa Radio prezentita de K-H. Hoffmann

19-a: INFORMVESPERO

26-a: Walter Kahlert prezentas lumbildojn pri Bulgario.

Oktobro

3-a: 2-a Informvespero

---

Karaj legantoj!

Kompreneble nia titolpaĝo estas ŝerco, sed ni devas pripensi, ĉu la ĝisnunaj manieroj, varbi por Esperanto, ankoraŭ estas sufiĉe modernaj. (speciale afiŝoj) Sed moderna, profesie farita varbado estas multekosta...

Tamen ni klopodu laŭ niaj eblecoj.

Benno Klehr

## NOVAJ KURSOJ

La 19-an de Septembro ni denove okazigos INFORMVESPERON! Komenco: 20-a horo. Bonvolu informi interesitojn pri tiu dato!

Por doni eblecon al ĉiuj, kiuj ne povos veni la 19-an, okazos 2-a Informvespero la 3-an de Oktobro.

Dum tiuj vesperoj ni fiksos la datojn por la novaj kursoj por komencantoj! (Verŝajne ĵaúde 18-19.30 h kaj semajnfinaj kursoj kun proks. 3-semajna intervalo ekde la 5-a de Oktobro.)

---

ŜANĜO ŜANĜO ŜANĜO ŜANĜO

Kurso de PROGRESINTOJ okazos la 17-an kaj 18-an de Aúgusto! 14 - 17 kaj 10 - 16 h.

---

## AVERTO

Ekster Hamburgo aperis leteroj de iu anonima Hamburgano, kiu ŝajne pli bone ol aliaj scias, kiel organizi laboron por Esperanto, kaj kiel la koruptaj ŝtataj instancoj kontraúlaboras.
Tiu persono misuzas kiel adreson de sendinto la poŝtfakan numeron de Germana Esp.-Junularo, kiu neniel rilatas al tiu letero. Same ne responsas GEA, **HES** aú Arbeitskreis! Se aperas tiaj leteroj, bonvolu sciigi nin.

KIAL SIMPLE, SE EBLAS KOMPLIKE? omginetrovcurk

Averto! Tiu ĉi krucvortenigmo ne estas laŭ la kutima maniero! Ĝi **ne** taŭgas por komencantoj, eĉ **ne** por progresintoj, sed **nur** por spertuloj. La pensoj devas iri kurbajn vojojn por atingi la solvojn - sed atentu! Ekzistas miskompreneblaj klarigoj kaj teruraj stultaĵoj! BK

VERTIKALE: 1 Formortinta specio de ladskatoloj. 2 Societo por agnosko de ne planitaj Esperanto-infanoj. 3 kvazaŭ muza metalo. 4 Parto de teatraĵo. 5 se oni estus kokino, kia feliĉo, vivi tie. 6 Ne al vjetnama revoluciulo, sed al sia koro Zamenhof tiel komencis poemi. 7 Maristo de malsupre. 8 Konservejo por optikaj memoroj. 9 Kun ĝi Odiseo ne aŭskultus la sirenojn. 10 Ofta rezulto de oftaj debatoj. 11 Charles Chaplin estis unu el la plej grandaj. 14 Dramo ne ludata de aktoroj. 17 Kato kaj ano en kemio. 19 Frato de la bopatro de la edzo de via fratino. 21 Cinama pomo. 27 Floro, el kiu Bulgaroj produktas oleon. 28 Ĝi ne ekzistas, sed la malon ĉiu havas ĉe la piedoj. 29 Ornamo de Romiano, el afrika lando. 30 Kun du arkoj, oni nombras pli. 34 Rano leviĝanta sen fino.
HORIZONTALE: 1 Antikva kristana subkulturo. 10 Mallonga ... kaj 12 dufoje pagata poŝta sendaĵo. 13 Kun arko ĝi estus Zamenhofa okupiĝo. 15 Neglektantoj de fiziko trovas ĝin en karnavalo. 16 Sentaktuloj ne akceptas ĝin dancante. 18 Frukto, pliiganta la konscion - almenaŭ unufoje funkciis. 20 Varma por warmigi, varma por malvarmigi. 22 Sentema femalo de nenatura malamiko de fiŝoj. 23 Vi trovos ĝin en la kvina domo. 24 Matematika parto de biblia libro. 25 Senloka organizantaro de universalaj okazaĵoj. 26 Tie kreskas lukso en Sovetio. 29 Ofte stultaĵo por pravigi ebriiĝon. 31 Tie ni vidas ligneron, sed ne trabon. 32 Konstelacio kun nomo de greka ĉasisto. 33 De Londono longitudo, de Tokio latitudo, ie tie. 35 Literumu kaj nombru 16 de 28! 36 Tiu en bestĝardeno neniam havas kaĝon. 37 Puccini plenrajte sin nomis tiel. 38 Tiun valoraĵon serĉu en Ekvadoro aŭ Novgorod.



# »Haringoj salitaj« en Hamburgo

Ĉu vi ankoraŭ memoras?
Ni ŝatus ĉi-jare denove okazigi prezentaĵon dum la Zamenhoffesto. Por tia prezentaĵo ni bezonas kunlaborantojn, kiuj emas kanti, aktori kaj ŝerci. Ju pli frue ni komencos - des pli bone ni sukcesos!
Interesitoj bonvolu anonciĝi ĉe E. Wielgus.

## ADRESŜANĜO (rigardu 7. 9.)

Friedel kaj Milan Sudec
Calle de Arquimedes 45 - 47
entlo 2ª

BARCELONA 30
Hispanio (Katalunio)

Aqui España!



Post iom da tempo por alkutimiĝi al la nova, vere „sudeca" hejmo, ges-roj Sudec volonte akceptos vizitantojn, hazarde parantajn.

## ADRESŜANĜO

La prezidanto de GEJ ankaŭ elmigris al la sudo (Bavario)!

Thomas Bormann
Wikingerstraße 2
7910 NEU-ULM
Tel.: 07307 - 5764

Laŭ certaj informoj ToBo momente estas tute okupita pri lernado de la ŝvaba lingvo...

# Akvo

## savinda kaj savenda

## 29a internacia seminario

Germana Esperanto-Junularo + Germana Esperanto-Asocio

**27 decembro 1985 – 4 januaro 1986**

Eschwege, F.R.Germanio

### CELGRUPO

*La IS celas unuavice lingve progresintajn Esperanto-parolantojn, kiuj kapablas sekvi la prelegojn kaj aktive partopreni la programon. Ne nur junuloj sed ankaŭ mezaĝuloj (kun aŭ sen infanoj) estas bonvenaj; infanoj estos bone prizorgataj: por ili okazos aparta programo.*

### PROGRAMO

*Medipolucio dum la lastaj jardekoj iĝis minaca kaj tre grava problemo ne nur en Eŭropo. La vivnecesa substanco* **akvo** *verŝajne estas la plej granda "rubujo" por kemiaĵoj rezultantaj el industriaj procesoj. Mortado de arbaroj pro "acida pluvo", malpurigo de la subtera akvo pro nitratoj kaj fosfatoj el la industriigita agrikulturo kaj pro la troa uzo de lavkemiaĵoj, enfluigo de industriaj kemiaĵoj en riverojn, la "forigo" de acidoj per elfluigo el specialaj transportŝipoj en la maron estas kelkaj el la subtemoj, kiujn ni traktos dum la IS en laborgrupoj, kursoj, forumoj kaj prelegoj. Aliflanke ankaŭ priparoliĝos ekz. la rolo de "akvo" en diversaj kulturoj.*

*Ni volonte akceptas ĉiuspecajn kontribuojn de kompetentuloj pri la temo. Kontribuantoj ricevos apartan rabaton kaj vojaĝsubvencion. Do: se vi sentas vin kapabla kaj ema, skribu al:*

**Wilfried Hinrichs, Zellbach 6, Klepperberg, D-3392 Clausthal-Zell.**

*Krom la labora parto vi kompreneble ankaŭ povos ĝui ampleksan distran programon, interalie tradician grandan silvestran balon.*

## N E U E   A N F Ä N G E R K U R S E

Es ist wieder soweit!

am 19. September 1985
um 20 Uhr (Donnerstag)

findet im haus des Esperanto-Verein Hamburg

ein I N F O R M A T I O N S A B E N D über die

Internationale Sprache Esperanto statt.

An diesem Abend werden die Termine für die neuen Kurse gemeinsam festgelegt. Je nach Wunsch der Teilnehmer einmal wöchentlich oder in 3-wöchigem Abstand am Wochenende.

Interessierte, die an diesem Abend nicht teilnehmen können, haben am Donnerstag, dem 3. Oktober noch einmal die Möglichkeit, sich ausführlich über Esperanto zu informieren und sich zu den Kursen anzumelden.

---

Wir bitten unsere Mitglieder, diese Termine an Interessenten weiterzugeben.

---

## N E K R O L O G O

Karl - Wilhelm Gandow

mortis la 16-an de Julio 1985

en aĝo de 68 jaroj.

HAMBURGA ESPERANTO-SOCIETO R.A.

ESPERANTO-VEREIN HAMBURG E.V.

# HES-INFORMILO

Klaus-Groth-Str. 95
D-2000 Hamburg 26
Tel.: 040-250 30 65

n-ro 6/85

HES-prezidanto: Benno Klehr, Oelkersallee 31, 2000 Hamburg 50, tel.: 435197
HES-konto: Poŝtĝiro Hamburg (BLZ 200 100 20) konto n-ro 173 22-207

---

你去哪儿

我去宾馆

再　见

**PEKINO**

**71a Universala Kongreso de Esperanto**

**26 julio - 2 aŭgusto 1986**

Esperanto-Weltkongreß

Wenn Sie im nächsten Sommer nach China reisen und sich dort mit Chinesen fließend unterhalten wollen, hätten Sie vor zehn Jahren anfangen müssen, CHINESISCH zu lernen - O D E R Sie lernen jetzt die internationale Sprache Esperanto !

Übrigens: der chinesische Text oben lautet:
Ní qù năer? Wŏ qù bīnguăn. Zàijiàn.

Nia informilo ĉifoje estas parte germanlingva, ĉar ni havas novajn kursanojn. Kompense al la lingvaj spertuloj ni denove ofertas enigmon.

Dieses "Informilo" ist normalerweise ganz in Esperanto. Für unsere neuen Kursteilnehmer sind dieses Mal die Informationen und das Programm auf deutsch.

==========================================

PROGRAMM (immer Donnerstag 20 Uhr)

Oktober 1985

3. Informationsabend

10. Sprachspiele und Quiz (Benno Klehr)

17. Der Vorstand informiert über die Pläne zur Renovierung des unteren Klubraumes.

24. Diavortrag über Island (Volker Kraeft)

31. Diskussionsrunde über die Ereignisse der letzten Zeit.

November 1985

7. "Der Märchenonkel liest vor"

Die Vorträge und Diskussionen finden in Esperanto statt, aber es findet sich immer jemand, der Anfängern behilflich ist.
Übrigens: Vor 20 Uhr gibt's auch Abendessen!

Z A M E N H O F F E S T O

Am 7. Dezember findet unsere traditionelle Weihnachtsfeier statt. Beginn: 20 Uhr
Wer am Festessen teilnehmen möchte, melde sich bitte bis zum 2. 12. bei Frau Wielgus unter Tel. 25 29 36 an.

==========================================

29. I N T E R N A T I O N A L E S S E M I N A R
der Deutschen Esperanto-Jugend in Eschwege
vom 27. Dezember 1985 bis 4. Januar 1986
Tagungsthema: "Wasser" (Bedeutung in versch. Kulturen, Umweltverschmutzung usw.)
Weitere Informationen im Klub.

==========================================

FUßBALL - KLUB "ESPERANTO"

Unsere Fußballer werden wieder aktiv. Nach der Sommerpause beginnt nicht nur die neue Fußballsaison, sondern auch im Klubhaus tut sich was. Tanzabend oder Disco soll es zukünftig am Sonnabend häufiger im Klub geben. Der zweite Saal wird gebraucht, um die Unterhaltung der einen nicht durch die laute Discomusik zu stören, und weil man zum Tanzen ja auch etwas Platz braucht. Das nehmen die Jungs jetzt selbst in die Hand: Die feuchten Stellen der Kellerwände haben sie schon isoliert. Der untere Saal wird völlig neu gestaltet, vor allem von überflüssigen Möbeln befreit, damit er wirklich benutzt werden kann. Die "Druckerei" wird dann nur noch eine kleine Ecke belegen, oder sogar ganz verschwinden.

Der Vorstand bittet um Spenden für die Renovierung auf PostGiroKonto 173 22 - 207 (Hamb.)

KREUZWORTRÄTSEL "um die Ecke gedacht"

Krucvortenigmo laú la stilo de HES-informilo 5/85

HORIZONTALE: 1 ĝin vidi kaj morti. 6 Oni uzas ĝin por indiko de rimedo. 7 Lupo kamuflita, tiel nomita. 10 perdita tereno. 11 Mallonga grupo de universala trupo. 14 Kvazaú admirata vira formo de diacetata etero de morfino. 16 ĝi ekzistas ŝtona, bronza kaj fera. 17 Fuj pli bone ol bovo poste. 19 serĉu n-ron 68! 20 Induko en homaj rilatoj. 21 Malnete registrita mallongigo. 22 Ne nur sciencistoj foje esploras ties fundon. 24 Abomena likvaĵo. 25 Mezepoka formo de persvado. 27 Malgranda ŝtato tiel radias tra tuta eúropo. 28 Por pagi inter Pruto kaj Anadiro. 31 Mova tiu povas kaúzi vitran tiun. 32 netroretro. 33 Glitvojo sen fino. 37 Alia signifo de 41 horiz. 38 Memoru Kolumbon aú 17 hor. 40 Vivanta monitoro. 41 Kun sespinta stelo ekde 1905. 42 Scienca moralisto.

VERTIKALE: 1 Antikva labordonanto por fajrobrigado. 2 Bunta bird, bird, bird. 3 ROMULUS eĉ ne REMUS per ĝi. 4 Solvo por ana, para aú dia daúrigo. 5 Ne ekzistanta bildo. 6 Helena amanto. 8 Vortara eraro, kiu fariĝis besto. 9 Muzika cindrujo por malfrua vespero. 10 Ne nur por kalvaj britaj juĝistoj. 12 Bunta ŝtato de Usono. 13 Tio 143 estas de 572. 14 Ne lieno, aliflanke! 15 Nek ĉiam, nek iam. 18 Vivanta frandaĵo. 23 Hispana senfine grasa eldiro. 26 Ekscita edzino de brogita foliaro. 29 Farablo. 30 Ruĝa lozanĝo. 34 Vestaĵo en Italia formo. 35 Sen ĝi okazas akolio. 36 Survoje inter Kakaúago kaj Legaspo. 39 Tion al la venkitoj.



HAMBURGA ESPERANTO-SOCIETO R.A.

ESPERANTO-VEREIN HAMBURG E.V.

# HES-INFORMILO

Klaus-Groth-Str. 95
D-2000 Hamburg 26
Tel.: 040-250 30 65

n-ro 7/85

HES-prezidanto: Benno Klehr, Oelkersallee 31, 2000 Hamburg 50, tel.: 435197
HES-konto:Poŝtĝiro Hamburg (BLZ 200 100 20) konto n-ro 173 22-207



## KEGLEMULOJ SERCATAJ !

La grupo de niaj keglantoj fariĝas tro malgranda! Ili nepre bezonas novajn anojn, por povi plu okazigi la tradician vendredan kegladon en la gastejo "Wappenhof" (Borgfelder Str. 14, HH 26), ĉiun kvaran vendredon ek de la 20-a horo. La venontaj datoj: 1-a de Novembro, 29-a de Nov.

VENU! Vi eĉ ne devas esti spertulo!

Pli detale informas s-ino Wielgus, Tel. 25 29 36.

## NIA PROGRAMO

**Novembro 1985:**

7-a: Hans Schütt legas fabelojn

14-a: Diskuta rondo

21-a: Volker Kraeft montras lumbildojn pri Islando

28-a: Karl-Heinz Hoffmann: Svisa Radio

**Decembro 1985:**

5-a: Klubejo fermita (vd. sabaton!)

7-a: sabato, Zamenhoffesto 20.00 h
bv. vd. paĝon 5! bonvolu anonciĝi!

12-a: Lingvaj ludoj

19-a: Babilanta rondo

26-a: Klubejo fermita (kristnaska festo)

31-a: mardo, silvestra vespero, 20.00 h, bonvolu anonciĝi!
bv. vd. paĝon 5!

## 1986

**Januaro:**

2-a: Klubejo fermita

9-a: Diskuto pri la jaro 1985

**La estraro deziras feliĉan novan jaron 1986!**

**Enketilo** por HES-membroj 1985

Por niaj administrado kaj statistiko ni petas niajn membrojn pri kelkaj informoj. Ni nur utiligos la informojn por internaj bezonoj, kaj ne donos al fremdaj personoj.
La partopreno estas libervola.

---

Nomo: ____________________

Adreso: ____________________

Naskiĝdato: ____________________ Telefono: ____________

Naskiĝloko: ____________________ Profesio: ____________

Membro de HES ekde (dato) ________, de GEA: ____________

en alia loka grupo de ________ ĝis ________

membro de UEA ekde: ________

membro de organizo (ekz. SAT, KELI)

organizo: ________ dato(j) ________

Mi lernis Esperanton en ________ (urbo) en ______ (jaro)

Mi parolas Esperanton: iomete / sufiĉe / bone (X)

Mi pasis ekzamenon: ____________

Mi havas (havis) funkcion en organizo: ______________ (nomo)

____________________ (funkcio) ________ (dato(j))

specialaj interesoj: ____________________

________ ____________________
(dato) (subskribo)

## Aliĝilo Zamenhoffesto '85

Mi volas partopreni la Zamenhoffeston, kaj mendas festmanĝon por _____ persono(j)

Nomo ______________________________

Adreso ______________________________

Dato ______________________________

Subskribo ______________________________

---

## Aliĝilo silvestra vespero '85/'86

Mi volas partopreni la silvestran vesperon kaj mendas festmanĝon por _____ persono(j)

Nomo ______________________________

Adreso ______________________________

Dato ______________________________

Subskribo ______________________________

Ni gratulas:

S-ro d-ro **Walter Lippmann** fariĝis 90-jara.
Li lernis Esperanton en 1908 kaj estas
membro de HES ekde 1955.

---

FUTBALO

La 5-an de oktobro nia futbalteamo ludis kontraŭ internacia teamo de la Junulara Domo Hamburg-St. Georg.
Ĉifoje la "verduloj" malgajnis 1 : 2. La decida golo okazis nur en la lasta minuto!
Adem Morankić, trejnisto de nia teamo, planas anonci sian klubon oficiale ĉe la sport-ligo. Per tio ĝia nomo ankaŭ aperos en la gazetaro...
La venonta ludo okazos vendredon, 25.10., 18.00 h, ĉe Sportklubo Bahrenfeld.

Plej novaj planoj:

**e s p e r a n t o - ŝ a k - t u r n i r o**

Pri ĝi ni raportos poste.

Der Vorstand bittet um Spenden für die
Renovierung auf PostGiroKonto 173 22 - 207 (Hamb.)

Solvoj de la antaŭaj enigmoj







**KRUCVORTENIGMO** (multe pli facila ol la antaŭaj!)

HORIZONTALE: 6 serpento. 9 griza hufulo. 13 landlima oficisto. 15 havena muro. 16 mezur' de tempo. 17 scienco pri vivmedio. 19 mezurunuo (mallongigo). 20 mem-ŝata. 21 al dorsa direkto. 23 batil'. 25 dikigita suko. 26 kemia kombinaĵo en farboj. 27 utiligo. 28 stelanizo. 29 ovaĵo. 30 metalo.
VERTIKALE: 1 speco de ĉerizo. 2 cifero. 3 matena malsekaĵo. 4 buŝ' de birdo. 5 unu el multaj samaj okazaĵoj. 6 longe veturi. 7 eldiri. 8 ridaĉi. 9 sportul 10 bestĝardeno. 11 infaneca kredemulo. 12 deserto. 13 romia nombro 500. 14 ago por monprofito. 18 nano. 21 havena urbo en Brazilo. 22 peceto. 24 river' en Francio.

